‚Mutig vorwärts!‘ **Aŭstria** ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio**

**8a jaro. N-o 7** **Monata** **Julio 1931**

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Krakau bereitet sich vor, Euch würdig zu empfangen!

Gleichgesinnte in allen Teilen der Welt! Das diesjährige Fest der Esperantistenschaft der ganzen Welt, der XXIII. Esperanto-Weltkongreß, wird in der Zeit vom 1.—8. August in Krakau stattfinden. Krakau! Wer denkt nicht — ob alter oder neuer Anhänger der Esperanto-Bewegung — bei diesem Namen an einen anderen, uns so teuren Namen, der ebenfalls aus Polen kommt — an Zamenhof? Und Ihr werdet Euch an den 8. Esperanto-Weltkongreß in eben dieser Stadt erinnern, an das Krakau des Jahres 1912, wo unser viel zu früh verstorbener Meister in seiner berühmten Kongreßrede erklärte, daß er, da die Bewegung im Gange sei, auf jedweden Posten in der Esperanto-Bewegung verzichte und nur als einfacher Kämpfer in den Reihen der Esperantisten mitarbeiten wolle.

Trotz Widerspruches der mehr als 1200 Kongreßteilnehmer aus ungefähr 40 Ländern blieb dieser bescheidene, große Mensch bei seinem Entschlusse und vervollständigte damit das Bild, das sich jeder, der ihn kannte, von dem Erdenker des Esperanto machte.

Nun, unser Meister lebt nicht mehr, viele seiner Mitarbeiter sind ebenfalls dahingegangen. Aber fest steht der Bau! Begeistert von der großen Idee Zamenhofs haben sich Vieltausende in den Dienst zur Erreichung unseres Ideals gestellt: „Einführung der Welthilfssprache Esperanto als zweite neben der Muttersprache bei allen Völkern der Erde, um die Völker einander näher zu bringen und eine Befriedung derselben in die Wege zu leiten."

Aus allen Weltrichtungen kommen die Jünger Zamenhofs in ganzen Karawanen nach Krakau, um dort eine Woche der Arbeit und der Freude zu verbringen. In unzähligen Arbeits- und Fachsitzungen werden alle Probleme der Arbeit für die kommende Zeit besprochen. In den Gotteshäusern der verschiedensten Religionsbekenntnisse vereinigt die Gläubigen ein Esperanto-Gottesdienst mit ebensolcher Predigt. Zum 7. Male wird eine Sommeruniversität in Esperanto abgehalten. Das diesjährige Thema betrifft die Touristik. Vortragende: Ing. Dr. K. H. Friedmann-Dresden über „Gefahren der Alpenwanderung"; Dr. Walery Goetala, Professor der Geologie an der Jagellonischen Universität in Krakau „Naturparks und Naturschutz"; Dr. August Pitlik, Oberkommissär im Cechoslowakischen Ministerium für Fremdenverkehr-Prag „Methoden erfolgreicher touristischer Auskunftserteilung und Führung von Ausländern"; Dr. Wlad. Szafer, Professor der Botanik an der Jagellonischen Universität-Krakau „Nationalparks zum Schutze der Natur"; Dr. Viktor Wilkosz, Prof. der Mathematik an derselben Universität „Bedeutung der Touristik für die geistige Fortentwicklung".

Die Oper „Halka" in Esperanto wird die Teilnehmer im Opernhaus ergötzen; ein Ball wird 40 Nationen zum Teil in Nationalkostümen vereinigen. Andere Unterhaltungen, Empfänge und Ausflüge vervollständigen das reiche Programm, das der Vorbereitende Ausschuß den Teilnehmern (Präsident Univ. Prof. Dr. Odo Bujwid, bekannter Pasteurschüler) bieten wird.

Nach dem Rummel in Krakau wartet schon Warschau. Hier lebte Zamenhof viele Jahre, behandelte — selbst nicht mit Glücksgütern gesegnet — arme Blinde umsonst und vielfach fast umsonst und hier setzte er seine Arbeiten für sein Lebenswerk Esperanto fort. In Warschau werden die Teilnehmer an sein Grab pilgern, das ein schönes, von der Esperantistenschaft der ganzen Welt gestiftetes Grabmal schmückt. Die Straße, in der Zamenhof lebte und wirkte, wurde nach ihm im Vorjahre benannt.

Nach Besichtigung dieser schönen Stadt wird Zamenhofs Geburtsstadt besucht: Bialystok, wo ein Denkmal für Meister Zamenhof enthüllt werden soll!

Oesterreichische Esperantisten, auf nach Krakau, Warschau, Bialystok!

Nun ni deziras raporti diversajn interesajn aferojn, por interesigi vin al certa partopreno. Heroldo de Esperanto eldonis apartan Kongresnumeron (627 de 3. julio) kaj ni kun afabla permeso ĉerpos el ĝi. Sed ni rekomendas, ke vi mendu ĉi tiun numeron por legi la detalojn, kiujn ni pro manko da spaco ne povas raporti al vi.

## Kraków — pola Romo.

Pola Romo, ĉar sur negranda spaco estas tiom da preĝejoj, preĝejetoj, kapeloj; je la fino de la XVIII. jc. estis 66 preĝejoj. La preĝejoj ĉiam ludis grandan rolon en la vivo de la nacioj. El ili nestiĝis civilizacio, el ili radiadis scienco kaj kulturo.

En ili grandiozaj verkoj de pentristoj kaj skulptstoj ĉiam ĝuigis la korojn de la kulturamantoj.

Nombri ĉiujn riĉecojn, kiuj en la katedralo sur Wawel kaj en la aliaj preĝejoj dum jarcentoj amasiĝis, neeblas. Venu al Kraków, rigardu mem! (Laŭ J. Toczyski).

## Historia skizo pri Kraków.

Pri la fondo nur ekzistas nedefinitaj datoj. Sed en 1138 Kraków jam fariĝis ĉefurbo de Polujo. Dum la regado de Mieczyslaw III. germanoj ekkoloniigis la urbon. Post forpelo de la tataraj atakoj en XIII. jc. la germanoj donis al la urbo specialan karakteron, kiu malaperis post 2 jc. En 1361 Kazimir la Granda kreis la universitaton, unu el la unuaj en Eŭropo. Lia posteulo Wladyslaw Jagiello reorganizis la universitaton kaj de li ĝi ricevis sian nomon: Jagellona Universitato. En 1410 ekestis tie korporacio de komercistoj kaj oni alkalkulis Kraków al urbaro de Hansa.

Sub la regado de la tri unuaj Jagellonoj Kraków fariĝis centro de politiko, komerco kaj vivo pensa de Polujo. Multaj famaj poloj loĝis tiam tie: Historiisto Dlugosz, teologo Izajasz Poner, Miĥaelo Genrojc, Johano Kapistrano, Wit Stwosz . . .

Post la germana influo en la arto venis la itala. (1500). Sed en 1600 oni translokigis la rezidejon al Warszawa kaj per tio finiĝis la oraj tempoj de Kraków. De tiam ĝi servis nur kiel kronadurbo kaj urbo de reĝaj entombigoj ĝis la dispartigo de Polujo. 1866 sub la aŭstria regado Kraków ricevis aŭtonomion kaj titolon „libera reĝa ĉefurbo" kaj ekvigliĝis denove la intelekta vivo, ekkreskis la komerco . . .

Tie ĉi prelegis prof. d-ro Odo Bujwid, vivis, verkis kaj dum kelka tempo gvidis la Universitaton; tie ĉi en 1912 okazis la Oka kun plena sukceso. (Laŭ Hadakowski).

## Unuaj pioniroj de Esperanto en Pollando.

Antaŭ la 23-a Kongreso estas necese memorigi la meriton de unuaj kunlaborantoj de nia Majstro. Ne facila estis ilia tasko inter grandega aro da nekomprenemuloj de la lingvo kaj ideo — tiom pli granda estas ilia merito.

Multaj el ili jam ripozas eterne; ne multaj ankoraŭ vivas kaj laboras.

Al la plej meritaj apartenas la antaŭ kelkaj jaroj mortinta pola inĝeniero Antoni Grabowski, unuaranga stilisto kaj poeto, kiu tradukis interalie la faman poemon de pola poeto Adam Mickiewicz „Sinjoro Tadeo" en E.-on. Oni diras ofte: „Se Zamenhof kreis la lingvon, Grabowski ĝin aplikis kaj prilaboris". Al li apartenas la unua granda vortaro E.-pola kaj pola-E.

Grabowski estis lingvokonanto kaj parolis pli ol dek lingvojn. Li eldonis ankaŭ „El Parnaso de popoloj", konatan tradukon de poeziaĵoj el 30 lingvoj.

Ne malpli talenta estis d-ro K. Bein (Kabe), konata tradukinto de „Faraono" de B. Prus (A. Glowacki). Li eldonis bonegan vortaron Esp.-Esperantan. Nun li ne partoprenas en la movado.

Menciindaj estas kiel unuaj kunlaborantoj la fratoj de l' Majstro: Leono kaj Felikso Zamenhof, kiuj senlace laboras eĉ nun vigle subtenante la movadon.

Ne malpli vigla kaj laborema estas Leo Belmont. Kun Grabowski li staris en la unua rango de stilistoj kaj poetoj pol-esperantaj.

Meritplena subtenanto de la movado estis ankaŭ s-ro kolonelo Günther, kiu ĝis nun ne forlasis la kunlaboradon, kvankam multege suferis je la sekvoj de la milito.

Du jam mortintaj amikoj de Zamenhof estis: Fama lingvisto Adam Zakrzewski kaj Al. Brzostowski. Kiel kunlaboranto estas mencinda d-ro W. Robin.

Mi menciis nur kelkajn nomojn kaj eble preterlasis aliajn, kiuj sufiĉe frue komencis kunlaboradi kun la Majstro. Odo Bujwid.

## Hebreoj en Wawel-urbo.

Kun la malnova pola urba Krakow estas ligitaj malnovaj historiaj ligiloj de la hebrea nacio, kiu trovis en Polujo sian unuan gastaman rifuĝejon. Krakow havas eble la plej malnovan kaj gravan hebrean komunumon. Jam en la XIV. jc. klaraj signoj de hebrea koloniigado troviĝas en K. La komenciĝanta grava konkurencado ekonomia alportis tiam al la hebreoj la malpermeson de aĉetado de konstruaĵoj kaj la devigan vendadon de tiuj. Ĉar la akademio estis konstruata en la hebrea kvartalo la hebreoj transloĝiĝis al Placo Szczepanski. Tie ili ne restis longe pro la ekestiĝinta emo de la loĝantaro forigi la hebreojn el la urbo. Post la granda fajrego en 1494 la hebreoj forlasis Krakow kaj iris al la proksima Kazimierz, kie ili restis kaj ekestiĝis tuta urbokvartalo hebrea nomata „ghetto" Kazimierz. En la 18. jc' rekomenciĝis la malnovaj kontraŭemoj kaj la ĝenerala religia maltoleremo, sed la hebreoj restis ĉe siaj pozicioj kaj depost 1867

ili eĉ akiris la rajton de loĝado ekster la hebrea kvartalo.

Tiu ĉi kvartalo enhavas multajn interesaĵojn. Ne preterlasu ilin rigardi.

La Kazimierzaj hebreoj akiris pli frue ol alilokaj sian nacian aŭtonomion. Jam 1595 la komunumo havis sian propran organizan statuton. La komunumo nun nombras 50.000 personojn. (Laŭ d-ro S. Stendig).

## Kiel Kraków esperantiĝis antaŭ XXIII.

En decembro mi komencis gvidi kurson, en februaro kaj aprilo mi malfermis novajn. Samtempe s-ano Hodakowski instruas du kursojn laŭ Ĉe en kino-ĉambrego. S-ano Swaryczewski instruas grupon de preslaboristoj kaj nun 100 tramistojn; Toczynski skoltojn kaj nun kelnerojn. La policanoj lernas ĉe mi kaj fervojistoj komencis sub mia gvidado kaj tiu de Hodakowski, kiu ankaŭ kiel lektoro en la Universitato tie gvidas kurson. Prof. d-ro Ziomek instruas E.-on en la Ekonomi-komerca Lernejo. Krome estis kaj estas gvidataj aliaj kursoj de laboristoj ktp. kaj multaj personoj lernas private. Fine Ĉe-kurso, komencota la 20. de julio!

Unuvorte, Krakow esperantiĝas tre fervore, atendante la karajn gastojn el la tuta mondo. (Laŭ d-ro Dreher).

## Ĉe-kurso en Kraków.

20.—31. de julio sub la rektoreco de prof. d-ro Odo Bujwid, konsilanto de Int. Ĉe-Instito de E.

Pro deziroj esprimitaj el pluraj landoj Int. Ĉe-Instituto decidis aranĝi **Int. Seminarion** por Ĉe-metodaj kursgvidantoj sub la gvidado de Andreo Ĉe inter 29.—31. de julio. La programo: Prelegoj de Andreo Ĉe pri sia kursmetodo, pri la principoj de la metodo kaj pri la tekniko de la aplikado. Konsiloj al la instruantoj. Praktikaj provekzempleroj. Raportado de la diverslandaj instruistoj pri siaj spertoj. Diskutado.

**Kotizoj:** Por Ĉe-kurso Zl. 20.— (valida ankaŭ por seminario!), nur por la lasta Zl. 8.—.

## Rememoroj al la Oka.

Estis mia unua kongreso. En Wien, kvankam malbona kaj malsperta esp.-isto, mi devis jam gvidi samideanojn el diversaj landoj. Poste ni komune veturis al Krakow, tiam aŭstria.

Neforgesebla restos por mi ĉi tiu kongreso. La unuan fojon mi vidis nian Majstron, aŭdis lian dolĉan voĉon, aŭskultis lian kongresparoladon! Pere de ges. Sergeant el Boulogne mi havis la grandan ĝojon konatiĝi kun nia Majstro!

Multajn eminentulojn el nia movado mi vidis, multaj el ili ne plu vivas! Alexander kaj Felik Zamenhof, Bricard, Bourlet, Grabowski, Mudie, Belmont, Bujwid, Hetzel, Devjatin, Sabadell, Giesswein, Sergeant, Fiŝer, Mikodajski ktp. enskribis siajn nomojn en mian memorlibron!

La tagoj de Krakow restos por mi la plej belaj kongrestagoj! Pro tio mi ankaŭ vizitos la XXIII-an. Venu kun mi al Krakow. Steiner-Wien.

## Varsovio.

En vere alloga artikolo L. K. Wiesenfeld invitas al vizito de ĉi tiu urbo, kie okazos la postkongreso kaj kie oni vizitos la tombon de nia Majstro kaj rigardos la domon, kie li loĝis en la nuna „Zamenhof-strato".

**Programo de Postkongreso en Varsovio.**

8. aŭg. alveno de la postkongresa karavano,

9. aŭg. matene granda solenaĵo sur la tombo de l' Majstro, enmurigo de **memortabuloj** honore al Majstro ĉe str. Zamenhof 9 kaj honore al granda poeto esperanta Antoni Grabowski ĉe Hoza 40; komuna tagmanĝo, akcepto ĉe la urbestraro, interkonatiĝa vespero;

10. aŭg. vizito de reĝa kastelo ktp; teatro aŭ koncerto,

11. aŭg. ekskurso kaj forveturo al Bialystok.

## Bialystok.

Grandioza monumento al nia Majstro ekstaros en lia naskiĝurbo.

Post Danzig la kongresanoj en 1927 veturis al la lulilurbo de nia Majstro. Nun post 4 jaroj ekiras tra la mondo la voko el Bialystok, voko veni amase al Zamenhof-a naskurbo, veni por honori lian memoron per starigo de monumento.

La plano ekestiĝinta antaŭ 4 jaroj fariĝis efektivaĵo.

La esperantistaro inde honoros Bialystokan Modestulon.

Grandega Babela Turo, iam nekonstruebla pro diverslingveco, nun firme alte elkreskos renkonte al ĉielo, ke unueco de lingvo, kompreno, toleremo, kaj paca kunlaboro faras miraklojn:

Forta voko iras tra mondo.

Pacaj batalantoj ĉinlandaj estas vokataj al Bialystok.

Kaj eĥas la maroj, eĥas la kampoj, eĥas la montoj:

— Ili venos, ili venos.

La verdstelanoj.

Al Bialystok. (Laŭ J. Ŝapiro).

**Organiza Komitato de Zamenhof-Monumento en Bialystok** sub kontrolo de ICK, Genève petas subtenon de sia entrepreno, havigi al nia Majstro vere indan monumenton en lia naskurbo, per „**Bonvola Monafero**" (aparta kvitanco) aŭ per „**Brikoj**" po 40 gr. Ambaŭ pageblaj al IEMW, kiu forsendos la

monon al la Komitato kaj donos al vi mem la kvitancon.

Aliĝiloj por Postkongreso en Bialystok estas ankaŭ ĉe IEMW riceveblaj. Mendu ilin!

**Itala karavano al Krakow** alvenos en Wien la 29. de julio kaj forveturos la 31. posttagm. via Brno al Krakow, kie ĝi alvenos nur la 2. de aŭg.

## Nia karavano!

Kiu deziras kunveturi al Krakow, sin tuj anoncu ĉe IEMW (tel. R 27-803), por ĝui la avantaĝojn de komuna veturado. Informu ankaŭ viajn konatojn!

En Aŭstrio 12, en ĈSR 20 pers. necesas por ricevi rabaton, kiun oni devas peti semajnon antaŭe. Do anoncu vin tuj!

Ni forveturos de Ostbahn per rapidtrajno la **31. julio** je 23 h 10 kie ni rezervigos lokojn. Alveno en Krakow la 1. aŭg. je la 9 h. Steiner.

# Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h kaj **2. aŭgusto** 9—$^{1}/_{2}$ 12 h.

**Int. Kuratora Komitato:**

**Novaj membroj:**

**Annam** (Indo-Ĥinujo)
Huyuh-Ba-Dŭong, Hue.

**Columbio** (Ameriko)
Federico Rappe, Bogota.

Nia latva membro **inĝ. Vladimir Ŝmurlo** mortis la 27. II. 1931 en Riga. kie li eklaboris en 1910, fondis la revuon „Riga Stelo“, E.-soc. „Riga Stelo“ kaj la samnoman eldonejon, kiu eldonis kelkajn n-rojn de Esp. Universala Biblioteko, kolekton de originalaĵoj „Verda Radio“, rus-Esp. komplementan vortaron kaj la enciklopedieton „Ana“.

Ni vere funebras kun niaj latvaj s-anoj pro la morto de tiu senlaca pioniro!

Nia membro redaktoro **Georges Avril** en Nice, prezidanto de Intern. Gazetara Komisiono komisiita de ICK, estas distingita de la franca ministro de publika instruado per la Kruco de Honora Legio. Elkoran gratulon!

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn! **Por alilandanoj sv. fr. 12.—**):

208. Karras Adolf, Klosterneuburg; 209. Auderieth Hermann, ing.; 210. d-ro L. Ehn; 211. Hadaschok Therese, ĉiuj Wien; 212. C. Warnier, Paris; 213. Applebaum J. D., Liverpool; 214. Lockyer Frank H., Liverpool; 215. Huber Anna, Wien; 216. Martha C. Heide, New York; 217. generalo Jan Rambousek, Ĉ. Budejovice; 218. d-ro Karl Postl, Wien; 219. Geheimrat Dr. Adolf Schmidt, Gotha; 220. R. v. Lidl, Salzburg; 221. Karl Kraus, Wien; 222. P. Mulholland, Newcastle-upon-Tyne.

**Materialo ricevita:**

470. kaj 488. N. G. Ŝĉegolev, Barnaul, Siberio; 461, 473, 477 kaj 492. Léon Agourtine, Paris; 472. Esp. Akademio, Paris; 474. Oesterr. Bundesverlag, Wien; 475. Schles. Esperanto-Verband, Löwenberg; 476. Lud. Kökeny, Budapest; 478. inĝ. E. Pigal, Liesing; 479. kaj 491. Karl Janotta, Liesing; 480. Franco Ramolfo, Torino; 481. prof. Th. Cart, Paris; 482. s-ino d-ro Kliemke, Berlin; 483. Nova Esp. Klubo, St. Gallen; 484. Bol. Czechowski, Sosnowice, 485. Esp.-Societo, Bern; 486. Esp.-Grupo de Hungara Nacia Asocio, Budapest; 487. Heroldo de Esperanto, Köln; 489. Centra Esp.-Librejo, Haag; 490. N. A. Insarsky, Saratov, USSR; 493. La Juna Batalanto, Köln; 494. Eldona Soc. Esperanto, Stockholm; 495. Sudokcidenta Germ. E.-Ligo, Wiesbaden; 496. E. Malmgren, Stockholm; 497. Int. Libertempejo, Lazne Behlorad; 498. Heroldo de Esperanto, Köln; 499. Klubo E. de Malmö; 500. E. de Wahl, Reval; 501. Laborista E.-Asocio, Berlin; 502. Aerologia Observatorio, Tateno, Japanujo; 503. ICK, Genève; 504. E.-Centro Italia, Milano; 505. Nova Kulturo, Burgas; 506. J. Kremann, Wien; 507. Frank H. Lockyer, Liverpool; 508. Palm de Cock, Aalst; 509. Belga E.-Instituto, Antwerpen; 510. H. Sentis, Grenoble; 511. Steiner, Bisamberg; 512. Ulavfur Kristjansson, Hafnarfjordur, Islando; 513. S-ino Cart, Paris.

# „100.000 S Garantia Kapitalo.“

| | | |
|---|---|---|
| Jam publikigitaj | S | 639.50 |
| Warnier, Paris | „ | 133.— |
| Jagoda, Tela, Honduras | „ | 4.— |
| Lockyer, Liverpool | „ | 50.— |
| D-ro Gruber, Reichenberg | „ | 1.— |
| Generalo Rambousek, Ĉ. Budejovice | „ | 4.— |
| entute | S | 831.50 |

## Garantia Kapitalo.

Ni petas, ke vi varbu! Ankaŭ la plej malgranda ŝtonero de 50 gr. estas plej volonte akceptota. Kolektu kaj ni publikigos la nomojn de la donacintoj kaj de la kolektintoj. Donacintoj de almenaŭ S 10.— ricevos la koncernan numeron de AE senpage!

**Int. E.-Muzeo estas malfermata** la tutan someron. Nepre sendu tien la en Wien alvenintajn fremdulojn!

## KomercajĈambrojdeFrancujo.

Sub la prezido de André Baudet, prez. de Komerca Ĉambro de Paris, okazis la 2. de junio en Paris kunveno de la prezidantoj de 112 Komercaj Ĉambroj de Francujo, en kiu estis akceptata unuanime jena rezolucio:

„La kunveno de la prezidantoj de la Francaj Komercaj Ĉambroj,

Konsiderante, ke la uzo de la helpa lingvo Esperanto progresas ĉe multaj nacioj, kaj ke la Komercaj Ĉambroj ne povas flanke lasi novan interkomprenigilon faciliganta nepre la negocon en la tuta mondo,

Konsiderante, ke la helpa lingvo devas esti uzata, kiel internacia kodo, por korespondado kaj parolado, kaj tial, devas esti plej facile kaj rapide lernebla,

Konsiderante, ke post dek horoj da studado (ĉirkaŭe), homo meze instruita povas ĝin korekte uzi por internacia korespondado,

1-e esprimas opinion plej favoran al la propagando de la helpa lingvo Esp.

2-e speciale konsilas la organizon de kursoj en la komercaj kaj profesiaj lernejoj.

3-e komisias sian prezidanton por interrilati kun la Komercaj Ĉambroj en ĉiuj landoj, por starigi zorgan enketon pri la organizaĵoj ekzistantaj aŭ formiĝantaj, aŭ pri la rimedoj faciligantaj la praktikan uzadon de E. en la komercaj kaj turistaj rilatoj."

## Fervojo Wien—Aspang.

En oficiala dekreto de 29. majo 1931 oni legas:

**„Portado de Esperanto-insigno.**

N-ro 1/4621/31 — 1/2 de 19. majo 1931.

Rilate al reskripto D. V. 10/23, A. V., Post 38, resp. D. R. N-ro 7396/24 de 10. okt. 1924 koncerne la malpermeson de portado de nedeĵoraj insignoj dum la deĵoro estas sciigate, ke ĉi tiuj ordonoj ne estu aplikataj al la oficiala Esperanto-insigno (verda kvinpinta, glata stelo sur blanka grundo); la portado de ĉi tiu insigno tial estas ankaŭ permesata dum la deĵoro."

(Reg. kons. Steiner sukcesis atingi tion. Red.)

## Esperantista Akademio en Paris.

Prezidanto Cart mortis kaj ĝis la novelekto la sekretario R. de Lajarte estas komisiata gvidi la aferojn. Turnu vin al li: 4 Villa d'Orleans, Fontenay-sous-Bois (Seine), Francujo.

---

**Diskonigu nian gazeton!**

## Esperanto en Kongreso de la 5000, Rotary-Kongreso en Wien.

Proksimume 5000 rotarianoj kunvenis en Wien inter 22. kaj 26. de junio por priparoli la aferojn de Rotary.

S-ano **Applebaum** el Liverpool, ankaŭ rotariano, sukcesis interesigi la eksprezidanton de Rotary International por la distrikto Grand-Britujo, majoron **Sir Charles Mander**, parlamentano, industriisto, tre influhava kaj riĉa, afabla kaj por gravaj ideoj entuziasmigebla homo, kiu venis al nia kongreso en Oxford, por aŭskulti Esperanto-n. Li venis kiel Saŭlo kaj foriris kiel Paŭlo.

La nuntempa prezidanto de Rotaria Esperanto-Amikaro **Warnier**-Paris jam en Oxford intertraktis kun Sir Mander kaj tiu sukcesis, ke la estraro de Rotary International sin okupis pri la demando de internacia lingvo por Rotary. La rezulto estis, ke Sir Mander sukcesis, ke en la oficiala programo de la kongreso estis notata

„Vendrede, la 26. de junio, je la 11 h 20 Sir Charles Mander: Diskuto pri Esperanto".

Kiu konas la situacion, devas konfesi, ke tio estis gravega sukceso!

Sekvis interkorespondado inter **Warnier, ICK, prez. Merchant**, v. **Frenckell** kaj **Sir Mander**, por certigi sukceson. Ili komisiis la prezidanton de Int. Esp.-Muzeo en Wien helpi en la preparaj laboroj kaj esti je dispono de Sir Mander kaj de la aliaj gravaj personoj.

S-ro **Steiner** intertraktis kun la Loka Komitato en Wien, interkonsente kun Sir Mander kaj je liaj kostoj faris apartan Rotary-numeron de Aŭstria Esperantisto, kiu enhavas tre interesajn artikolojn pri ĉi tiu movado (havebla kontraŭ respondkupono de IEMW, Wien I. Neue Burg), kaj estis disdonata al 2000 delegitoj de la diverslandaj Rotary-kluboj. La 19. de junio Steiner veturis al Semmering kie kunvenis jam la direktoroj de Rotary International, por ke li priparolu kun s-ro Perry-Chicago, ĝeneral-sekretario de R. I., diversajn aferojn.

Lunde okazis **salutvespero**, aranĝita de Wien-aj s-anoj je honoro de la rotarianoj-esperantistoj. Kunvenis pli ol 120 personoj en la bela ĝardeno de kafejo Schlössl apud la enirejo al Schönbrunn.

Merkrede okazis en la belega legejo de IEMW en Neue Burg la **jarkunveno de Rotaria Esperanto-Amikaro** sub la prezido de Warnier - Paris kaj en ĉeesto de Sir Mander. Okazis fotografado. Tie oni ankaŭ priparolis la prezentadon en la vendreda granda kunveno.

Oni antaŭmetis al la kongreso aŭ pli bone al la komisiono por la rezolucioj 26 proponojn koncerne ŝanĝon de la statutoj, inter

ili kiel 22. nian koncerne Helplingvon. La komisiono ŝanĝis la proponon kaj jen la teksto de la akceptita rezolucio:

„Propono 22. koncerne la decidon, komisii la internacian komisionon de Rotary International kun la esploro de la demando, kiu ĝenerala helplingvo prezentas la plej grandajn avantaĝojn kaj kiuj plej oportunaj iloj ebligas al R. I., enkonduki la instruadon de tia lingvo en ĉiuj lernejoj kaj universitatoj.“ (La propono estis submetata de Rotary Club Napa, California, USA.)

Ĉar al ĉiuj klopodoj je atingo de la Sesa Celo de Rotary ĉiam denove kontraŭstaras kiel barilo la lingva problemo, kaj

Ĉar ŝajnas certe, ke ĝis kiam la la lingva barilo estos venkota, la atingo kompleta de nia Sesa Celo ne estas verŝajna, oni decidis en la 22. jara kunveno de Rotary International, ke la problemo de la lingva barilo kaj ĝia interrilato al la Sesa Celo de Rotary kaj ĝia solvo estas aferoj de graveco (kaj ili estu ĉi tie deklaritaj, ke ili estas gravaj) kaj koncernas Rotary International.

Plue estis decidite, ke Internacia Servo-Komitato de Rotary International estas per tio komisiata esplori, kiu vojo estos la plej efika por atingi la akcepton, adopton kaj la anoncon de tia lingvo flanke de ĉiuj nacioj kiel helpa al ĝiaj naciaj lingvoj kaj doni siajn rekomendojn al la estraro de la direktoroj de Rotary International.“ (Laŭ angla teksto!)

Vendrede la 26. okazis la **demonstracio** en la plej granda salonego de Konzerthaus, kie okazis en 1924 nia XVI.

**Sir Mander** parolis kelkajn enkondukajn vortojn en angla lingvo kaj faris la paroladon, kiun vi jam legis en n-ro 6 de AE en Esperanto kun laŭfraza traduko en angla.

Sekvis granda aplaŭdo la paroladon de Sir Mander, kiu poste prezentis **Warnier-Paris** kiel kondukanton de la sekvanta demonstracio. Warnier prezentis siavice siajn kunlaborantojn **Applebaum** (Britujo), **v. Frenckell** (Finnlando), **LeBlanc** (Francujo), **d-ro Arnhold** (Germanujo), **d-ro Mejhuizen** (Hollando) kaj **skolton Schlick** (Aŭstrio).

**Warnier** alparolis la kongreson. La frazojn tradukis en la tri oficialajn lingvojn: **Applebaum** (angle), **LeBlanc** (france) kaj **d-ro Arnhold** (germane).

Sekvas la teksto:

„Kara prezidanto, karaj amikoj!

Nuntempe staras inter ni, rotarianoj el multaj landoj, tre alta, tre dika muro.

Ĉu vi volas helpi detrui tiun muron?

Se vi konsentas, respondu: Jes! (entuziasmaj alvokoj: jes, oui, ja!).

Se vi ne konsentas, respondu: Ne! (nur 2 aŭ 3 ne!).

Bone, nun mi diros al vi mallongan rakonton:

Sed unue mi faros al vi duan demandon.

Ĉu la azeno estas inteligenta besto? (respondoj: ne!).

Bone. Vendisto de tapiŝoj multe vojaĝis kun sia azeno.

Li estis greko.

Li iris al Jugoslavio, Hungarujo, Rumanujo, Turkujo ktp.

Li tute ne komprenis la homojn en tiuj landoj.

Tio tre ĉagrenis lin.

Kaj unu tagon li faris kuriozan fakton.

En ĉiuj landoj, en Grekujo, Turkujo, ktp. lia azeno komprenis la aliajn azenojn: ili parolis la saman lingvon.

Ĉu la azeno estas inteligenta besto?

Sekvis multmultvoĉa alvoko: Jes, kaj grandega aplaŭdo.“

Ni devas diri, ke la prezentado de Warnier trovis grandan intereson al nia afero en la tutplena salonego.

Post tiu prezentado, kiun ĉeestis la unua sekcia ĉefo el la kancelierejo **d-ro Franz Uebelhör**, la esperantistoj-rotarianoj estis en la salonego akceptataj de d-ro Uebelhör en la nomo de nova **kanceliero d-ro Buresch**, kiu devis resti en la parlamentejo kaj pro tio ne povis persone veni.

**D-ro Uebelhör diris en Esperanto** jenon:

„Tre estimataj sinjoroj!

Sinjoro la ĉefministro d-ro Buresch deziris akcepti vin, sed malhelpate li petis min reprezenti lin.

Mi ĝojas havi la okazon ĉi tie saluti kelkajn rotario-esperantistojn, despli ĉar mi ĉiam estis simpatia al Esperanto, kiu ankaŭ estas taŭga ilo por la klopodoj de Rotary „Servi la proksimulon“, kaj ĉiam per agoj helpis al Esp. kaj faros tion ankaŭ estonte.

Vi mem vidis — vi ja estis en la muzeo — ke nia ŝtato laŭ siaj fortoj akcelis la fondon de Intern. Esperanto-Muzeo kaj disponigis belegan salonon

en Neue Burg. La prezidanto de la Respubliko, s-ro Wilhelm Miklas, fariĝis protektoro de la muzeo kaj mi mem estas en la Intern. Honora Komitato.

La fondinto de la muzeo, sinjoro Steiner, ekfondis „Garantian Kapitalon de 100.000 S“, kies rentumoj servu al la elspezoj por bona gvidado de la muzeo. Nia ŝtato nuntempe ne havas la monri nedojn. Pro tio s-ro Steiner petis la esperantistojn el tutmondo kolekti la petitan sumon.

Sinjoroj, vi havas tiajn bonajn interrilatojn en la rondoj de Rotary. Vi facile povas helpi.

Aŭstrio dankos vin kaj kun ĝi la esperantistaro tutmonda! Sed vi havu la belan senton, servi per via agado al grava, alta ideo.“

**Sir Charles Mander** kaj **prez. Warnier** dankis al la reprezentanto de la registaro kaj **s-ro Warnier** tuj donis 100 S kaj **Lookier-Liverpool** 50 S.

Ili faris bonan komencon!

Posttagmeze la rotarianoj forveturis.

Ili, unuavice Sir Mander povas esti fieraj pri la atingita sukceso! Ni gratulu ilin.

Steiner-Wien.

## Rotari', ho Rotari'.

Anglaj vortoj de rotariano Herbert H. Stalker, Toledo, Ohio. Esperanta traduko de rotariano J. D. Applebaum, Liverpool, Anglujo.

Mi amas laŭdi vin per kant'
Rotari', ho rotari'!
Al vi mi estas ĵurportant'
Rotari', ho rotari'!
Tra am', fidel', sur gaja ond'
Mi servos al fratar' de l' mond'
Kaj kara restu leĝ' de l' rond'
Rotari', ho rotari'!
Do kantu nun en alta skal'
Rotari', ho rotari'!
Ĝi sonu trans la mont' kaj val'
Rotari', ho rotari'!
La celo estu ver', honor'
Fariĝu puraj viv' kaj kor'
Dum kantas ni en monda ĥor'
Rotari', ho rotari'!

**Zamenhof-Instituto** fondiĝis en Barcelona, str. Sitges 8, sub la prezido de Valdepenas; komitatanoj Fr. Gorgues, Josef Anglada, Fr. Vila, Joh. Camdelacreu. — Celo: Efika disvastigo de E. kaj ĝia interna ideo, disvolvo de UEA, starigo de informservo, efika propagando per la ĉiutaga jurnalaro.

---

**Für Propagandazwecke benützen Sie auch die vom Int. Esp.-Museum geleitete allwöchentliche Esperanto-Rubrik in der Großen und Kleinen Volks-Zeitung.**

## Profesoro Cart.

Pri lia vivo.

Prof. Cart naskiĝis la 31. marto 1855 en Saint-Antoine (Dordogne), Francujo, el protestanta familio. Siajn studojn li faris en Lausanne, Basel, Berlin, Roma, Paris, kie li fariĝis licenciato (1881) kaj agregaciulo por instruado de vivantaj lingvoj (1885), poste profesoro en pariza „Ecole Alsacienne“, li fariĝis instruanto de germana lingvo en Toulouse. De 1891-93 li estis sendita Svedujo-n kiel unua lektoro de franca beletristiko en Universitato Upsala. Post tiu misio li revenis al Paris, fariĝis profesoro de germana lingvo ĉe liceo „Henri IV“ ĝis sia emeritiĝo, kaj ĝis la antaŭtago de sia morto ĉe la grava „Lernejo pri politikaj sciencoj“, kies jam alte kleraj lernantoj sin preparas al diplomatio.

Scipovante, krom la francan kaj germanan, la svedan kaj italan lingvojn, studinte la filologion, fariĝinte ano de franca „Societo de Lingvistiko“ li komprenis tuj, kiam li legis artikolon de Carlo Bourlet en Revue du Touring-Club, la gravan valoron de Esp. (1900) kaj de tiam montriĝis la senegala propagandisto, kies malaperon ni funebras.

Sennombrajn kursojn en diversaj gravaj asocioj kiel Politeknika Asocio, Turing-Klubo, li gvidis, propagandajn paroladojn en ĉiuj regionoj de Francujo li faris, gazetartikolojn kaj broŝurojn, vortarojn, lernolibrojn li verkis. Lia „Esperanto en dek lecionoj“ estas famekonata kaj influon li precipe dissemis per la gazeto „Lingvo Internacia“, kies ĉefredaktoro li estis de 1905 ĝis la milito kaj kiun li uzis dum la malĝojaj jaroj de la skisma epoko por nelacigeble, senŝancele, plenfide defendi la Zamenhofan Fundamenton. „Li estis firma roko!“ skribis pri li eminenta Akademiano, s-ro Nylén.

Tuj post la fondo de Lingva Komitato en Boulogne (1905) kaj poste de ĝia Akademio (1908) prof. Cart prenis lokon en ili kaj vidigis sian altan valoron. Li multe helpis rektoron Boirac kaj post lia morto tute

nature heredis de li la prezidantecon. de Akademio, kiun li ĝis nun majstre plenumis, ĉar la lastan marton li estis unuanime reelektita de siaj eminentaj kolegoj.

Ni ne forgesu eble lian plej belan rolon, tiun pri la esperantistigo de blinduloj. Timinte, dummomente, ke unu el liaj filoj blindiĝu, li sentis kiom utilos al blinduloj la lingvo internacia, skribita laŭ „Braile-a sistemo", kaj de tiam ĝis lasthore li pacience, senlace, kompatakore propagandis ĝin kaj kolektis monon. Li fondis por la blindularo „Esperanta Ligilo"-n (1904) kaj redaktis ĝin ĝis 1914. Nun zorgas pri ĝi lia sveda kunlaborinto Thilander.

Multon ni ŝuldas al Theophile Cart. Li saĝe montris la veran vojon: „Fideleco al Fundamento kaj sur ĝia netuŝebla bazo libera evoluo de la lingvo".

Ni daŭrigu fosi lian neforgeseblan sulkon! (Laŭ „Paris-Esperanto".)

## Gravaĵoj.

**Internacia Cseh-Instituto de Esperanto**, Haag, Oostduinlaan 32, aranĝos trian Ĉe-kurson 20. julio-1. aŭg. en Kraków.

**Esperanto-Societo Bern** festis la 26. III. 1931 sian 25 jaran ekzistjubileon. Ni ĉiuj kun ĝojo rememoras la belajn tagojn en Bern 1913, kiam nia kara Majstro ankoraŭ estis inter ni! Elkoran gratulon!

**„Brazila Ligo Esperantista"** kaj **„Brazila Esperantisto"** nova adreso: Rua Marechal Floriano, 212-1 Rio de Janeiro, Brazilio.

**IKUE** havos sian ĝeneralkunvenon en Eindhoven, Nederlando, 15. kaj 16. aŭg. Sinanoncoj al ĝeneralsekretario P. A. Schendeler, Prins Hendrikstraat 30 e, Eindhoven.

**Centra Religia Civila Komitato por Centjarfestoj honore de Sankta Antonio, Padova 1931-1932**, eldonis tre belan, 32 paĝan gvidlibreton pri Padova, kiu estas dediĉita al la pilgrimantoj. Bela kovrilo kun plano pri „Intern. Ekspozicio pri nuntempa kristana arto" kaj 17 bildoj ornamas la gvidilon en Esperanto, kiun dissendas por Centra Komitato ties Esperanto-Fako, s-ro Giovanni Saggiori, del. de UEA, Padova. Mendu senpage.

**International Ungdoms-Liga** (Mondjunularligo) invitas per kvarlingva prospekto (inter ili Esperanto) al VI. Internacia Tendaro al Svedujo.

**Kristana Esperantista Ligo Internacia.** Dum fakkunsido en la Oxford-a Kongreso oni decidis starigi KELI kun la celo, enkonduki E.-on en la intern. organizaĵojn de la protestanta gejunularo, kiu kalkulas pli ol 4 milionoj da membroj. La sidejo estas en Quedlingburg, Pölkenstr. 4, Germanujo.

**La policistaro kaj Esperanto.**
En aro da grandaj urboj en Germanujo E. estas instruata en la rondo de policistoj. En Berlin nia P. Ĉe instruis 3 paralelkursojn en la plej granda salonego de la polica prezidejo.
En Praha finiĝis ĵus kurso kun policistoj.

**Universala Framasona Ligo.**
Fondita dum la E.-kongreso 1905 ĝi festis en aŭgusto en Genève sian 25-jaran jubilean kongreson. Oni decidis reorganizi la ligon, starigante la centran oficejon en Basel, kien nun transloĝiĝos la elektita ĝenerala sekretario s-ano Barthel el Frankfurt a. M., unu el la fondintoj.

**Varna, la reĝino de la Nigra Maro.** Bela 34 paĝa gvidlibro en E. kun multkolora kovrilo, multaj belaj bildoj kaj urboplano. La enhavo montras, ke vere estas alloga veturi al Nigra Maro por somerrestadejo pro la bela situo, la agrabla klimato kaj la malaltaj vivkondiĉoj. Mendu ĉe la urbo Varna.

**Neues Wiener Tagblatt.** Krom Volks-Zeitung nun ankaŭ N. W. T. raportis en sia numero de 1. julio (vesp. eldono) per longega, bonega artiko pri nia muzeo. Ni devas konstati, ke ĉi tiu artikolo, red. de red. Edel, estis unu el la plej belaj, kiuj ĝis nun aperis.

**„Halt'! Mi povas pruvi al vi ke . . . . !** Sub ĉi tiu titolo kun la bildo de Wien-a policisto, portanta la E.-ŝildeton, Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorie Emanuele 92, Milano, dissendas 8-paĝan bonegan varbilon por E. en itala lingvo. Mendu!

**Karlsbad.** Nova, bela, 14-paĝa faldprospekto kun 2 koloraj kaj 16 aliaj belaj bildoj. Karlsbad faras en la eldonado de nova E.-prospektoj la komencon en la vico de la kuraclokoj en ĈSR. Gratulon al prez. inĝ. Schneider de la tiea E.-grupo. Mendu en Esp. de la urbkomunumo.

**„Danubo"**, monata gazeto por organizo kaj propagando, eldono de Esperanto Societo „Solidareco" en Ruse, aperis en majo la unuan fojon.

La fama firmo **Burroughs Wellcome & Ko, London** kun filioj en ĉiuj kontinentoj dissendas varbprospekton en Esp. pri siaj preparaĵoj kun bona famo.

## D-ro Edmund Sós,

Membro de Loka Kuratora Komitato de Int.-Esp.-Muzeo en Wien, Komitatano de Universala Esperanto-Asocio en Genève, Honorprezidanto de Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien, Honormembro de „Danubio“ ktp., kunlaborinto de „Heroldo de Esperanto“ kaj „Aŭstria Esperantisto“,

depost tridek jaroj unu el la plej viglaj pioniroj de la Esperanto-movado en Aŭstrio, mortis sabate, la 27-an de julio 1931. Lia foriro el nia mondo postlasas orfan lokon, vere malfacile okupigeblan. Li naskiĝis la 25-an de decembro 1863 en Sátoralja-Ujhely en Hungarujo kaj venis al Wien en 1872 por studi en la universitato kaj promociis kiel kuracisto la 27-an de junio 1891. Do, la tagon de sia morto li estus festinta la kvardekjaran jubileon de sia promocio. Nur tri jarojn li kuracadis por poste fariĝi dent-kuracisto. En tiu speciala metio li fariĝis fame konata kaj ofte serĉata konsilanto. Jam dum la unuaj jaroj de sia kuracista praktikado li aliĝis al la Esperantismo, plej ofte laboranta modeste kaj tamen kun plej granda efiko. Lia ĉarma konduto kontraŭ ĉiuj, lia ĉiama komplezemo, lia pasio por ĉio bona kaj bela kaj lia alta intelekto kune kun elfunda klereco ravis ĉiun, kiu havis la feliĉon eniri rilatojn kun li. Senlace li fervore laboris por la disvastigo de Esperanto, partoprenis multajn kongresojn, akceptis funkciojn en la esperantistaj entreprenoj, aranĝoj kaj unuiĝoj en Vieno. Kaj neniam li preterlasis okazon por perfektiĝi en la lingva scio. Dum multaj jaroj li estis vicprezidanto de Unua Esperanto-Unuiĝo en Vieno, estis estrarano en la iama Aŭstria-Esperanto-Ligo kaj en la komerca entrepreno Nova Tempo kaj poste fervora ideoriĉa estrarano de Aŭstria E.-Deligitaro kaj Aŭstria E.-Asocio. Kune kun sia amiko Glück li verkis la en Aŭstrio fame konatan lernolibron de Esperanto, laŭ kiu la plej multaj esperantistoj en Aŭstrio akiris la scion de Esperanto, kaj tradukis „Ŝolandro“ de Bonsels. Plue li kunlaboris kiel redaktoro en la gazetoj „Deutsch-Oesterreichischer Esperantist“ kaj „Nova Tempo“, kaj fondis, estinte ankaŭ pasia ano de la Paneŭropo-ideo, la Wien-an grupon de Paneŭropaj Esperantistoj. Estis li, kiu eldonis esperantlingve la paneŭropan manifeston. Multajn jarojn ankaŭ li estis ĉefdelegito de U. E. A. Per tio arego da esperantistoj lernis ŝati lian homaman bonkorecon, la altajn kvalitojn de lia karaktero. Estinte unu el la unuaj esperantistoj li baldaŭ persone konatiĝis kun nia majstro Zamenhof kaj restis kun li en ĉiama amika kontakto. En la lastaj jaroj de sia vivo lia ĉefa rolo en la Wien-a Esperanto-movado estis tiu de paciga peranto kaj tie li verŝajne havis la plej bonan sukceson. Ĉefe al li ni dankas la unuecon de la esperantistaj asocioj en Wien. Kiom li estimis la pacon, tio montras ankaŭ lia amikeco kun la famaj gvidantoj de la pacmovado, kun Alfred H. Fried kaj Berta von Suttner, al kiuj li ofttoje liveris materialon kaj servis kiel peranto.

En nia memoro ĉiam restos tiu pasia, fervora kaj fidela samideano doktoro Edmund Sós kaj en lian tombon ni postsendas nian koran dankon por lia pionira laboro. Li ripozu en paco! O. Z.

La 30. **de junio** grandara de esperantistoj staris en la kremaciejo antaŭ la ĉerko de nia bona amiko d-ro Edmund Sós. Aro de floraroj ornamis la ĉerkon, inter ili de Int. Esp.-Muzeo, AEA., Unuiĝo, Danubio. La lastajn salutojn diris al la kara mortinto reg. kons. Steiner nome de Int. Esp.-Muzeo en Wien, Aŭstria Esperantisto, fine nome de Grafo Coudenhove por Paneuropa Unio; prez. de Danubio Ĉech parolis en la nomo de Aŭstrio E.-Asocio kaj Wien-a Laborkomitato kaj Hovorka nome de Unua E.-Unuiĝo.

Persone mi ĉiam vere memoros la nin forlasinton, kun kiu mi laboris dum 20 jaroj. Steiner.

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
Linz, Weissenwolfstr. 31

Oni plendas, ke AE ne sufiĉe raportas pri la aŭstria E.-movado.

Ni nur povas raporti, kion oni sendas al ni.

Pro tio ni invitas kaj petas la estraron de AEA, ĉiujn grupojn kaj izolulojn, raporti al ni sur simpla poŝtkarto ĉiujn novaĵojn pri Esp. Antaŭdankon!

## Ĉefkunveno de AEA en Salzburg.

La 28. kaj 29. okazis la ĉijara ĉefkunveno de AEA, samtempe kun la jubilea festo de Salzburga grupo.

Sabate en la amika vespero unuiĝis grupanoj, membroj de la laborista grupo kaj alvenintaj gastoj. Post salutvortoj de prez. Stegmüller, prof. Christanell surprizis per humorplenaj, E.-lingvaj „Gstanzl", kiuj ĉefe temis pri funkciuloj de la grupo. Riĉan aplaŭdon rikoltis ankaŭ Hovorka-Wien, prelegante 2 sincerajn, profundpensajn skizojn.

Dimanĉon je la 9.45 h prez. Stegmüller salutis la kunvenintajn delegitojn, gastojn kaj grupanojn. Post kelkaj salutparoladoj prez. de AEA dir. Wannek malfermis la ĉefkunvenon. Sekvis agadraporto ktp. Proponoj estis diskutitaj, por kaj kontraŭopinioj montriĝis, decidoj efektiviĝis. Kvankam ne ĉiam ĉiuj delegitoj estis samopiniaj kaj malsamaj vidpunktoj kontraŭstaris, tamen la konferenco pasis harmonie. Tro rapide pasis la tempo. Estis preskaŭ la 13 h, kiam la prezidanto fermis la kunsidon kun dankvortoj kaj remorigante je niaj lastatempe mortintaj samideanoj.

Sekvis ekskurso al Hellbrunn kaj je la 20h festvespero en salono de hotelo „Wolf Dietrich". La salono pleniĝis, partoprenis pksm. 100 personoj kaj niaj Salzburg-aj gesamideanoj sciis mirinde bone amuzi la ĉeestantojn. Paroladoj, kantoj, poemo, muzikprezentado kaj komedio „10.000 kg da kaviaro" zorgis por bonhumoro. La plej impresa punkto de la tuta programo por mi persone estis la rakonto de la historio de la grupo Salzburg pere de prof. Christanell. Dekjara ekzistado de la grupo. Pasis antaŭ niaj okuloj tempospaco, la unuaj pioniroj, ilia fervoro, iliaj klopodoj, progresoj, malsukcesoj ktp. Preterpasis ankaŭ la iamaj prezidantoj ĝis la nuna. Ĉion ĉi kaj multe pli prof. Christanell kompilis en la libro „Historio de la grupo Salzburg". Imitinda ekzemplo por ĉiuj grupoj. Solene li transdonis ĉi tiun ege interesan libron al la bibliotekistino. El la tuto vidiĝas, ke ĉiam estis homoj, kiuj altentenis la verdan standardon. Estu tiel ankaŭ en estonto!

Saluton kaj dankon al niaj gastamaj gesanoj de la jubiliinta grupo, restu la ronda, kunaganta harmonia familio! K. Wannek.

## La dekjara jubileo de „Salzburga Esperanto-Grupo"

tre bele kaj kontentige pasis. Sabate la 27-an de junio okazis gaja salutvespero en la beleta klubhejmo „Schwarzes Rössl". Dum la oficiala malfermo dimanĉe matene en hotelo „Wolf Dietrich" prezidanto Stegmüller povis saluti la prezidanton de AEA direktoron Wannek kaj aron da delegitoj el Wien (Akademia E.-Unuiĝo, Bohema Klubo Esp., Danubio, E.-Soc. „Fideleco", E.-Organizo de Oficĥavantoj, E.-Soc. „Supren", Katolika Unuiĝo, Unua E.-Unuiĝo), Graz (E.-Soc. por Stirio). Salzburg („Estonteco", Laborista Grupo „Frateco"), Braunau, Freilassing, Hallein, Lend, Mattighofen, Ried.

De registarkonsilanto Steiner, honorprezidanto de AEA, kiu bedaŭrinde estis malhelpata, kaj aliaj personoj venis salutleteroj. Post bonsukcesa jarkunveno de AEA sekvis dum belega vetero ekskurso al Hellbrunn. La festvespero en la salono de „Wolf Dietrich" estis bone vizitata. La kluborĥestro ludis fervore. La festprologo ekscitis fortan aplaŭdon. Profesoro d-ro Christanell en tre interesa festparolado priparolis la historion de la jubileanta grupo kaj dediĉis al ĝi kronikon, tre akurate verkitan kaj bele binditan. Finis la

vesperon vigle ludata propagandteatraĵeto „Dek mil kilogramoj da kaviaro“ de d-ro Wolfgang Petzlederer, mortinta pioniro de Esp. en Salzburg. — Lunde la 29-an oni faris ekskursojn.

Stegmüller, prez.

## Festprologo

verkita de prof. Scheirl,
deklamita de f-ino G. Binder
okaze de la dekjara jubileo de
‚Salzburga Esperantogrupo‘, 28. de junio 1931.

Sur altaj muroj de la fortikaĵo,
Malnovaj restoj de pasinta tempo,
Mi staris, rigardante nian urbon,
Brilantan en beleco de printempo.

Ĉirkaŭas, ŝirmas du ŝtonegaj montoj
Malnovajn domojn en mallarĝa valo,
Palacoj staras meze kaj preĝejoj,
La centro — la grandega katedralo.

Bele kurbita arko de l' rivero
Ekbrilas hele inter arboj ombraj,
Sed transe etendiĝas vasta parko,
Tegmentoj norden, stratoj — jen — multnombraj.

Centfoje vidis mi la ĉarman bildon,
Centfoje, same eĉ en tiu horo,
Mirinda sorĉo kaptis min potence.
„Hejmurbo bela!“ vokis mia koro.

Subite la okulojn ravigitajn
Ŝiregis alten stranga, forta bruo:
Aeroplano, jen, fiere ŝvebis,
Arĝenta birdo, en ĉiela bluo.

Rapide ĝi forflugis okcidenten,
Montrante vojon en la malproksimon,
Kie momente, nevidebla preskaŭ,
La vagonaro transis landan limon.

Kondukas malproksimen feraj vojoj
Al nordo ankaŭ, sudo, oriento,
Aŭtomobiloj kuras, portas gastojn
El ĉiu land', de ĉiu monda gento.

Kaptis la tempo en tondranta flugo
Ja nian urbon ankaŭ, la mezgrandan,
Forŝiras en mova ion tutemondan
Nin ankaŭ, en aferon ĉiulandan.

Nun baldaŭ ili venos, por admiri
La urbon, faman ĉe la tuthomaro
Por trovi sanon, forton kaj gajecon
En verdaj alpoj, sur ŝtonegmontaro.

Festludojn ili vidos, laŭdos arton
De famaj majstroj kaj la nobIan stilon
De la aranĝoj en la Mozart-urbo,
Salutos ĝoje ties grandan filon.

Ho, vere! Celoj noblaj kaj laŭdindaj
Al tiu bela punkto de la tero
Kunvokas centojn milojn; ho, bonvenaj!
Vekiĝas do denove la espero!

Kunvenu, kie ajn, por kunlabori,
Por helpi al homaro suferanta,
Por ĝui eĉ — la bonojn altŝatindajn,
Kiujn donacis Dio, la amanta.

Nenial sed, vi multenacianoj,
Rigardu fremde unu la alian,
Malkonfideme, plene de malamo;
Lasu la batalemon, la malpian! — —

Jen! Sube en la urbo, en mallarĝa
Strateto, kaŝas sin modesta domo.
Kunvenas tie gesamideanoj,
Karaj amikoj. Sankta estas nomo

Al ili, de la Majstro, kaj la signo,
Amata signo, estas verda stelo;
Kunigo de l' homar' per Esperanto,
Mirinda lingvo, jen, ilia celo.

Malmultaj estas, nur malmultaj;
Sed ĉie en la vasta dia mondo
Vivas helpantoj, floras la espero,
Sentas mil koroj ja kun tiu rondo!

Dek jarojn, kara Esperantogrupo,
Vi nun laboras. Restu do fidela!

Restu senlaca! Ĉiam nur antaŭen!
Kaj venos iam venko, venko bela!

---

## Ĉe-kurso en Wien.

Por certigi tiun kurson en Wien Wien-a Laborkomitato de E.-societoj kolektas subskribojn por „Garantia Kapitalo“. S-anoj sin anoncu je prunto de S 20.—, pageblaj en partoj de S 4.— en 5 sinsekvaj semajnoj. Jam 20 sin anoncis. Ni publikigos la nomojn en n-ro 8/9, kiu aperos meze de septembro.

---

### Wien: Someraj kunvenoj.

**Akademia E.-Unuiĝo** en la Universitato,

**I. Wien-a E.-Unuiĝo**, kafejo Kolowratring, I. Schubertring 2 (20 h).

**E.-Junularo**, jaŭde 20 h en la kiosko de Wiener Molkerei, II. Prater Hauptallee,

**Bohema Klubo Esp.** ne kunvenas.

### Morto.

La patro de d-rino **Liane Smital-Domonkos** mortis post longa malsano. Nian plej profundan kondolencon al ges. Walter Smital kaj la familio.

## Rimarkindaj presaĵoj

### Rudolf Mosse, Berlin.

**La Cikonio-kalifo.** Romano de Miĥaelo Babits. El la hungara tradukis Karlo Bodo. Bibl. Tutm. 23-25. Prezo Rm. 1.50. — Jam en la sentencoj de Ĉuang—Ĉe ni trovas la ideon de duobla individueco. En „La papilio“ li rakontas pri sia sonĝo, ke li estis papilio kaj vivis kvazaŭ en tia metamorfozo. La fama germana fabelisto Vilhelmo Hauff en „Historio pri la kalifo Cikonio“ rakontas ankaŭ pri aliformiĝo, sed en senco de moraleduka fabelo. La aŭtoro de nia verko, bonfama hungara poeto, pritraktas la ideon de duindividueco el vidpunkto psihologia, aŭ pli ĝuste psiĥoanalitika, kun la

substrato de subkonscio. La romano rakontas al ni en formo de aŭtobiografio pri la duobla anima vivo de juna viro Elemiro Tabory, filo el distinga familio, en sia maldorma stato ĉiurilate boneduka homo, travivante en siaj sonĝoj sian ekziston jen kiel malbone traktata lignaĵista lernanto, jen de stratbubo, malriĉa diurnisto kaj eĉ de diboĉulo. Kun plastika vervo karakterizas la aŭtoro ĉiujn tiujn figurojn. La inter normala kaj sonĝa vivo reganta konflikto terure influas la animon de la junulo, kiu volante fine mortigi en si la duan, sian vivfeliĉon detruantan individuon, en kvazaŭ hipnota stato mortpafas sin mem. La romano estas de komenco ĝis la fino vere streĉiĝe interesa. Ankaŭ la traduko estas bona. Nur kelkaj negravaj malkorektaĵoj kaj strangaj vortformoj (verd-fukaj, albuminte, Kalandrilo k.a.) troviĝas en ĝi. La frazo „helpis min disŝuti (pasigi) la tempon“ estas pura hungarismo. Precipe malplaĉas la verbigo de vortoj k. e. „unuopis“ tenison (anst. unuope ludis), „kamentubo altis“ (altiĝis). „piedis“ (piediris), „plezuri en la belecoj“ (trovi plezuron) „pretis al konateco“ (estis preta), „novaĵis lia patro“ (rakontis novaĵojn) k. a. ankaŭ hungarismoj netaŭgaj en Esp. Sed ĉiuj ĉi tiuj kritikindaĵoj en la traduko ne malgrandigas la valoron de la rimarkinda verko, kiun ni varme rekomendas al niaj legantoj. Sos

**Eld. Soc. Esperanto-Stockholm I.**

**„La junulino el Stormyr“** de Selma Lagerlöf, trad. de O. Frode, aperis en bela eksterajo kaj bona preso. La sentoplena rakonto pri amo kaj malfeliĉo de juna, brava knabino prenis siajn personojn el la sveda kampara popolo. La prezo de la 94 pĝ. libro estas sved. kr. 1.50

**Litova Esperanto-Revuo**, sendependa monata E.-gazeto, enhavas gravajn artikolojn pri la novorganizo de la E.-movado. Koncizaj informoj pri la progreso de E. Elektitaj fragmentoj de E.-literaturajoj, bibliografio.

Nur E.-lingva. Plaĉe aranĝita. Ilustrita.

Interesa! Leginda!

Jarabono: 1.50 sv. fr.; por publikaj legejoj nur 3 resp kup Kontraŭ 1 resp. kup. 3 provnum. Adreso: Mediŝauskas Edv., Fako: LER, Kaunas Litovujo.

Organo de Intern. Katolika Junulara kaj Paca Movado estas la dumonata **„La Juna Batalanto“**, eld. en E. de Mondjunularo Katolika (MOKA) En majo ĝi komencis sian 6. jaron; ĝi donas bonegajn internaciajn superrigardojn pri junulara agado speciale ankaŭ el ekstereŭropaj landoj. Red. estas d-ro W. Solzbacher, spertulo pri inte nacia vivo; la eldonejon gvidas Regina Reiff, Köln-Dellbrück, Bensberger Marktweg 63.

En Aŭstrio abonu ĝin sendante S 3.40 (aŭ S 5.— inkl. MOKA-kotizo) al Postsp. Ko. Wien D-12.017 Kath. Kreuzbündnis für Oesterreich, Ortsgruppe Heiliges Feuer, citante, ke la pago estas por „La Juna Batalanto“.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum“, Museumstraße. Do (j) 20—22 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Dienstag (ma) 20—22 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gastejo Schwechater Bierhalle, Fr. (v.), 20—22h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna AkademiaUnuiĝo Esp. VIII., Langegasse 61 (Kafejo Lange), Mo (l) 19—23 h,

Esp.-societo „Fideleco“, Café Schopenhauer. XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.